# Esperantista Vegetarano



## BULTENO DE LA TUTMONDA ESPERANTISTA VEGETARA ASOCIO

N-ro 15 JULIO 1975

## STRUKTURO de TEVA

Administranto de TEVA, Redaktanto de EV: Ernesto Váňa (Ĉeĥoslovakio)
Kasistino: S-ino Ottoline Landheer van der Vies (Nederlando)
Bankadreso: Amro Bank (ĝirkonto 8238) (banknumero 44.71.08.646)
Grote-Houtstraat, Haarlem.

Eldonanto de EV: Christopher Fettes (Irlando).

### Landaj Reprezentantoj de TEVA

ARGENTINO: F-ino Sara Laissue, Warnes 397-4°-5, BUENOS AIRES.
BELGIO: S-ro Camial de Cock, Vorsebeenden weg 7, 2241-HALLE.
BRAZILO: D-ro Braz Cosenza, Av.Treze de Maio 47, S.Loja S.208, RIO-GB.
BRITIO: S-ro Harold Wood, Medhope Grove, Tintern, Mons. NP6 7NX.
BULGARIO: S-ro Ganĉo Damjanov, KAZANLÁK, Makariopolski 5.
ĈEĤOSLOVAKIO: S-ro Ernesto Váňa, 962 71 DUDINCE okres Zvolen, Slovakio.
DANIO: S-ino Betty Larsen, Falkenbergvej 6, 3140 ALSGARDE (gn.1224492)
FRANCIO: Sino A.Boyet, Lebas 3, 49-ANGERS.
GERMANIO (GDR): S-ro W. Etzold, Paul-Lange-Heim, Haus 8, 705-LEIPZIG.
(GFR): S-ro W. Kaukal, Robert-Stolz-Str.17, 6730 NEUSTADT.
HISPANIO: S-ro L. Armadans, Pl.Sacr.Familia 4-4°-3ª, BARCELONA-13.
HUNGARIO: S-ro Bénik Julio, Kis u.4, H-2600 VÁC.
IRLANDO: S-ro C. Fettes, St Columba's College, Rathfarnham, DUBLIN 14.
ITALIO: S-ro Aldo Conti, Via R.Sanzio 15, ASTI 14100.
IZRAELIO: S-ino E. Ben-Haim, Strato Gordon, TVERIA 14266.
JUGOSLAVIO: S-ro T. Gregurek, Starogradska 22, KOPRIVNICA.
NEDERLANDO: S-ino O. Landheer v/d Vies, M.Bauerlaan 7, AERDENHOUT.
NORVEGIO: S-ino Bjorg Norsted, Skara, 1620 GRESSVIK.
NOVZELANDO: S-ro D. MacGill, 11 Wyndham Road, PINEHAVEN-SILVERSTR.
POLLANDO: S-ro Romuald Jalowieczki, ul.Jesionowa 4, m.34, KIELCE.
PORTUGALIO: S-ro Jurge Branco, Rua Elia Garcia, 37-3, CACÉM.
RUMANIO: S-ro R.Pátrescu, St.Pomp.Manoliu, 62-ap.75, BUCURESTI-39.
SOVETUNIO: S-ino A.Judickiené, R.Armijes pr.250, VILNIUS-53, 232053 Litovio.
SVISLANDO: S-ino G.Weigelt, Gurtengartenstr.12, CH-3028 SPIEGEL b.BERN.
USONO: S-ro J.Parkerson, Box 17463, LOS ANGELES, Calif.90017.

---

SINCERAN DANKON al niaj subtenantoj-donacintoj:

BRITIO: Fraser/£1, Mather/£2, Prent/35p. ĈEĤOSLOVAKIO: Dedik/30, Doležal/100, Furman/20, Marček/50, Niemczyk/30, Sedlák/40, Štefanec/100 Kčs. IZRAELIO: Ben-Haim/3 rpk. KOLOMBIO: Mejia/8 rpk. NEDERLANDO: Hoonakker/15, Landheer/25, Rooke/50, Scholten/5, Zeiss/12 gld. RUMANIO: Kiss/10 rpk. SVEDIO: Therner/7 rpk. USONO: Estling/5, Harler/2, Parkerson/10, Wolfram/3 $.

VORTOJ DE LA REDAKTANTO

Karaj Geamikoj,

nun, kiam mi skribas al vi tiujn ĉi miajn vortojn, estas la monato Majo, ĝia lasta semajno.– En Meza Eŭropo Majo estas la vere printempa monato, kiam la tuta naturo estas jam verda, la kampoj kaj herbejoj kovritaj estas per floranta tapiŝo, la ĉielo kutimas esti plejparte lazure blua, la montaroj estas vive verdaj, nur iliaj pintoj, neĝe-kovritaj, blankas en la lazura maro de la ĉielo.

Majo en Meza Eŭropo estas monato de la amo, mil kaj mil foje prikantita kaj prikantata de la poetoj, de la junularo.– Por ni, kiuj trairis jam, eĉ transpasis tiun ĉi parton de la vivo, Majo signifas novan vivemon, novan energion, novan volon, denove ion fari...

Kaj mi volas rememorigi al vi tiun ĉi fakton en ĉiuj sencoj!

Kiam nia kara bulteno venos en viajn manojn, vi staros antaŭ la libertempada sezono, vi preparados viajn aĵojn por tiu tempo, por agrable pasigi la somerajn semajnojn. Bonvolu ne forgesi aldoni al la libroj kaj gazetoj, kiujn vi deziros kunporti, ankaŭ la lastajn n-rojn de nia bulteno, kiujn vi eble ĝis nun ne tute atenteme tralegis,–aŭ–eble–vi eĉ trovos en ili ion novan, kiam vi povos ilin trankvile tralegi, meditadi pri tio, ĉu vi ankaŭ faris ĉion por nia komuna afero, sendinte ne nur la mondonacon,–se vi vere jam ĝin sendis,–sed ankaŭ en formo de kontribuaj artikoloj, kaj en formo de kunlaboro: trovinte kaj varbinte novajn legantojn, novajn subtenantojn, sed precipe novajn Reprezentantojn en landoj, en kiuj ni ilin ankoraŭ ne havas.–Ĉar bonvolu kompreni, ke ne sufiĉas la nuna stato, ne sufiĉas stari sur unu sama loko,–tio signifus stagnadon, kaj stagnado estas malbono,–ni devas iri antaŭen, –pluen, ni devas evolui!

Mi ne volas "draŝi pajlon",–ripetante la samajn vortojn, la samajn petojn: helpu, kunlaboru,–trovu novajn subtenantojn, novajn Reprezentantojn!

Eble,–esperebIe, vi komprenos, kion mi volas diri, menciante la vortojn de iama longtempa eldonanto-redaktanto de nia bulteno, (1914-1932), Oskar Bünemann, kiu ofte petadis, instigadis la legantojn al kunlaboro ĉiusenca, ĝis fine tamen li venis al konkludo, ke la esperantistaj vegetaranoj ne estas ankoraŭ maturaj, por havi sian organizaĵon, por havi sian propran gazeton...

Esperebie vi komprenos miajn vortojn, kaj tiujn de O. Bünemann.

Nun estas nova Majo, – por ni nova vivemo, nova energio. Bonvolu ne atendi de kelkaj fervoraj personoj, kiuj oferas sian energion al nia afero, kiuj dediĉas tempon kaj monon por antaŭenigo de niaj organizaĵo kaj bulteno, – tiuj bezonas vin ĉiujn! – Do ek al la efika kunlaboro, al kiu vin invitas ankaŭ tiuj ĉi vortoj, – denove!

Kaj fine: agrablan libertempon, bonan veteron, elkore al vi deziras amike via Ernesto Váňa

---

VORTOJ DE LA ELDONANTO

Mi multe bedaŭras, ke spite ke nia bulteno enhavas nenion politikan, kaj ke mi zorge sendas ĝin registrite al pluraj landoj, preskaŭ cent ekzempleroj senditaj dum aprilo ankoraŭ ne atingis nian legantaron. Kompreneble mi iniciatis enketon pri la afero, kaj ni scias ke la pakaĵoj ne perdiĝis en la britaj insuloj. Sed tiu ne helpas vin, karaj legantoj!

Venontjare la U.K. de U.E.A. estos en Greklando, kie ni bedaŭrinde ne havas membrojn. Tamen en najbara lando, Bulgario, ni havas multajn. Kion vi (aparte vi en tiu ĉi lando) opinias pri kunveno de TEVA tie, tuj post la Universala Kongreso? C.F.

---

VEGETARANA KOMUNA HEJMO EN ITALIO

Unuigite per komuna idealo de la vegetarismo kaj per deziro vivi flanke de la nuna profitserĉanta homa socio, decidiĝis la itala vegetara asocio al konstruo de vegetarana hejmo en belega naturo ĉe marbordo, 80 km de Romo. Oni invitas kaj unuopulojn kaj geedzajn parojn, kies profesio ne ligas ilin al unu certa loko, aŭ kiuj vivas jam en pensio. Krom komuna vegetara vivmaniero estas necese havi emon al simpla vivo en vilaĝo, esti tute toleranta en naciecaj, rasaj kaj religiaj aferoj, komprenanta por vegetarana vivmaniero, kun konvinko, ke la vegetara vivmaniero ne nur el sanaj, sed ankaŭ el moralaj principoj, estas necesa.

Interesuloj bonvolu turni sin al: Associazione Vegetariana Italiana, Fondazione del Cnobio vegetariano, Via Dei Piatti no 3, I-201 23 Milano, Italio.

(El la gazetoj "Reform-Rundschau" kaj "Esotera", V.Sládeček, ĈSSR)

## KUNVENO DE LA VEGETARANOJ

dum la VI.Kongreso de Asocio de Esperantistoj en la Slovaka Socialisma Respubliko

La Kongreso de AE SSR, kiu okazis en Tatranská Lomnica en Altaj Tatroj dum 25-27.IV.1975, havis ankaŭ kunvenon de sia Vegetarana Sekcio. Ĉar oni konstatis, ke inter kongresanoj ĉeestas 16 vegetaranoj, resp. simpatianoj de vegetarismo, estis kunvokita kunsido. Inter kunvenintoj troviĝis elstaraj personecoj de Esperanto-movado, ekz. la prezidanto de AE SSR s. Paŭlo Rosa, la vic-prezidanto, redaktoro de fame jam konata gazeto "Esperantista Vegetarano", s. Ernesto Váňa (estro de la Sekcio), kaj aliaj.

S-ano Rosa menciis la bonan nivelon de la gazeto E.V. Li rimarkis, ke en lasta duobla numero estis dediĉita multe da loko al Maliarík. S. Váňa respondis, ke Maliarík, kiu havis similajn ideojn kiel Gandhi kaj Tolstoj, ludis sian rolon en historio de vegetarismo, Esperanto kaj monda paco. Li akcentis, ke la redaktejo serĉas nur faktojn, kiuj povus kunigi la esperantistajn vegetaranojn en la tuta mondo kaj evitas ĉian fanatismon, precipe religian, kiu estas malutila kaj dividas.

Dum kunveno aperis propono ellabori ian universalan vivmanieron, kiu estus taŭga por vivmaniero de vegetaranoj, kiuj strebas al pli bona vivo. Sed oni konstatis, ke estas tiom da diferencoj en la landoj, ke ia universala vivmaniero ne estas ebla. Tute alie sin nutras ekz. la transbajkala vegetarano, ol en aliaj vivkondiĉoj kaj eblecoj la sudfranca vegetaranino. Sed tamen estus utile kaj interese publikigi en E.V. kutimojn, viv-manieron kaj -kondiĉojn de pli aĝaj vegetaranoj, kiuj vivas en diversaj mondopartoj. De tiuj povus lerni multaj legantoj.

Esperantista Vegetarano enpenetriĝis jam eĉ en sciencajn rondojn, por la redaktejo ne estas malofte ricevi leterojn de eminentaj doktoroj, profesoroj, akademianoj. Inter abonantaro estas kelkaj oferemaj, sed bedaŭrinde ankaŭ sufiĉe multaj, kiuj ne sendas libervolajn kotizojn de tempo al tempo. Se ni volas, ke la gazeto vivu, ni devas ankaŭ oferi. Poŝo de oferema eldonanto, s.Fettes, same kiel monrimedoj de emeritulo Váňa ne estas elĉerpeblaj. Okazas ankaŭ, ke tuta sendaĵo, eĉ registrita, perdiĝas kaj estas necese sendi alian kaj tio kaŭzas superfluan monan kaj materialan perdojn.

Entuziasme estis ankaŭ akceptita la informo de s.Váňa, ke vegetaraj geedzoj ges-roj Landheer el Nederlando donacis 60 bildojn al Dudince, al tiu "nesto de vegetarismo", kie ankoraŭ

vivas posteuloj de iamaj bonkoraj Sciitoj mitologiaj, kiuj vivis el fruktoj de la tero. Tiu grandioza donaco eterne montros internacian forton de amikeco inter vegetaranoj, iliajn solidarecon kaj pac-aman, altan idealismon.

Fine de la kunveno la ĉeestantoj gratulis al kara redaktoro Ernesto Váňa okaze de lia ĵusa naskiĝtago (mi ne perfidas kia). Li ricevis grandan belan pomon, kiu ne vidis kemian ŝprucaĵon kaj spite tion estas sana kaj travivis la vintron, kiel simbolo de vegetarismo, – kaj (malgraŭ sia sindefendado!) kelkajn kisojn inajn!

La medio de la kunveno estis sincera, ĉiuj ĝojis, ke post malluma vintro alvenis bela printempo, kun nova vivemo kaj novaj esperoj. – Vlado Sládeček, ĈSSR, sekretario de la Sekcio.

---

POR NIA ARĤIVO De tempo al tempo venadas historia materialo por nia TEVA-EV-arĥivo, broŝuroj, malnovaj leteroj, fotografaĵoj. Nun ni kun aparta danko tiun konfirmu al s-anoj Inĝ.Doležal en Brno, ĈSSR, kaj al St.Iv. Bakarov en Plovdiv, Bulgario. Inĝ.Doležal sendis krom libroj de J.Maliarik, kiun ni jam menciis, ankaŭ tre interesajn dokumentojn-informilojn pri la 7-a Internacia Vegetarana Kongreso en j.1929a en Ĉeĥoslovakio, kun fotografaĵoj, kaj s-ano Bakarov same sendis fotografaĵojn tre interesajn, precipe tiu estas valora, kiu prezentas ĉiujn kooperativanojn de la vegetarana kolonio Proslav ĉe Plovdiv el la jaro 1946a, kun la prezidanto de la kooperativo, s-ano Ilija Enĉev, kaj alia, kiu prezentas same ĉiujn "fidelajn" el la j.1950a kun "avo" Andrejĉin. Ni refoje tre dankas al la nomitaj samideanoj, kaj samtempe petas ankaŭ aliajn, sendi al ni dokumentajn materialojn pri la veget.movado, librojn, ktp., kiuj estas ĉe ili superfluaj. Precipe ni atentigas je okazoj, kie vegetarano mortis, kaj kie plejofte similaj materialoj estas forgesitaj, aŭ eĉ neniigitaj.

Anticipe dankon al tiuj, kiuj povos ion sendi! – Erva.

---

KORAN NIAN DANKON al s-ano T.Wm.Teich en Germanio, pro lia af.kunlaboro, kiu sendis al ni nomarliston de iamaj legantoj de Vegetarano. Eble ankaŭ aliaj iamaj kunlaborantoj povos similmaniere nin helpi, certe niaj Reprezentantoj trovos iujn el-inter la iamaj legantoj, kaj povos tiujn reakiri por nia afero. – Refoje koran dankon!

Nia bulteno en titola parto indikas kiel unuan Prezidanton de TEVA Leon N. Tolstoj. Ne ĉiu scias sufiĉe pri tiu granda pensulo. Venis kelkaj leteroj kun petoj, diri pli multe pri li. Jen, ni plenumas la dezirojn, kun danko al s-ino Tarasova, notante ankoraŭ, ke vegetarano li fariĝis en 1884, kaj poste, kiam li konatiĝis kun Esperanto, li favore parolis pri la Internacia Lingvo.

# LEO NIKOLAJEVIĈ TOLSTOJ (1828-1910)



## Biografio

Leo Nikolajeviĉ Tolstoj estis la kvara filo de siaj gepatroj, posedantoj de grandegaj bienoj en Rusujo, en regiono de Tula. Kun familiaj riĉaĵoj li heredis la titolon de grafo. Infanaĝo de Leo, pasigita bonkondiĉe en Jasna Poljana, estis feliĉa. Li ĉiam memoris la gepatran amon kaj konstantan kontakton kun libera naturo dum sia knaba aĝo.

Post tre diligenta enhejma lernado (la infanojn edukis privataj instruistoj) li preparis sin al studoj. Komence li ekstudis orientalismon en urbo Kazan, sed post unu jaro la junulo rezignis pri tiu studfako kaj turnis sian interesiĝon al juroscienco, kiun li ankaŭ lasis post du jaroj opiniinte, ke universitata studado malhelpas memstaran mensan disvolviĝon. Dum sia studperiodo Tolstoj legis multegon da filozofiaj verkoj kaj kontaktiĝadis kun tiutempaj pensuloj.

Sekvis jaroj de militista servo – en Kaŭkazo. Kiel juna oficiro Leo Nikolajeviĉ pasigadis romantikan vivon... Li multe amuziĝis, ludis kartojn, malgajnante de tempo al tempo grandegajn monsumojn, li ĝuis virinamon kaj krome – pro interna malkontenteco pri sia propra kaj ĉie observata vivo, – li komencis verkante skribi. Unue venis rakontoj, noveloj, mallongaj romanoj, kie li prezentis moralajn problemojn kaj pensojn pri ideala vivo. Ju pli longe Tolstoj militservis, des pli forte li sopiris je trankvila vilaĝhejma vivado kun amata kaj cedema virino. Li komencis klopodi pri liberiĝo el oficira servo kaj reveno al sia kara familio-domo en Jasna Poljana. Fine li sukcesis ricevi sendependecon. Tolstoj ekestis libera kaj feliĉa. Tiam li multe verkis, rajdis kaj ĉasis. Samtempe li vizitadis la najbarbienojn, kie estis junaj fraŭlinoj. Ne malofte li pasigis la tagojn en Moskvo ĉe cara kortega kuracisto, Andreo Bers, loĝanta en Kremlo. Bers havis tri filinojn: la plej aĝa, Liza, kun grandaj lingvo-kapabloj kaj emo al gravaj intelekto-problemoj, poste Sofio, milda bona fraŭlino, kaj la plej juna, ege ĉarma tiam ankoraŭ infano, Tatjana. Gepatroj revis, ke la grafo ekamu Lizan kaj edziĝu al ŝi – des pli, ke

gasto mem estis saĝulo kaj verkisto kaj ŝi ankaŭ multe studis, legis, – kaj krome deziregis plaĉi al Leo Nikolajeviĉ. Sed kontraŭ ĝeneralaj tendencoj la grafo elektis Sofion. Ŝia karakterspeco pleje logis lin. Tamen li longe animluktis antaŭ la decido pro granda aĝdiferenco: Sofio tiam havis dek ok jarojn, dume Tolstoj estis jam tridekkvarjara viro. Sed post kelktempa hezitado li decidis konfesi sian inklinon kaj intencon – do lia deklaro estis rave akceptita de Sonjo kaj de familio Bers, escepte Liza. Inter la du fratinoj dum tuta posta vivo regis bone kaŝita, tamen konstanta malameto.

Kun adiaŭlarmoj forlasis la juna edzino Moskvon kaj la familian domon, ĉiam plenan de gajaj gastoj, kaj veturis al nekonatejo. En Jasna Poljana la vivo estis tute malsama ol en la ĉefurbo. La edzo, jam vaste konata aŭtoro, multe laboris en sia kabineto kaj ankaŭ bienmastrumadis. Gastoj estis maloftaj. Tolstoj edukis laŭ siaj principoj la junan obeeman edzinon kaj ili estis feliĉaj.

Sonjo komencis ordigi la domon kaj parkon, kie regis sen-virina ĥaoso. Ŝi organizis pli racian kaj ŝparan hejmovivon, kvankam ŝi ne estis tre sperta dommastrino. Baldaŭ ŝi ek-posedis la ecojn de bona kaj saĝa sinjorino en la grafa havaĵo.

De tempo al tempo vizitadis ilin familianoj: Sergio, pli aĝa frato de Leo, Tatjana, kaj junaj gekuzoj kaj amikoj. Tiam en serioza domo de Jasna Poljana aŭdiĝis ridoj kaj kantoj. Sonjo pro tio vigliĝis. Ŝi estis intima amikino de sia infan-eska fratino, al kiu ŝi konfesis ĉiujn sekretojn pri geedzeca kunvivado. La grafo estis gastema, partoprenis la komunajn ludojn kaj rajdadpromenojn – tamen, ofte li retiradis sin de la societo al sia kabineto por verki.

Sofio jam estis graveda. Ŝiaj devoj laŭgrade pliiĝis kaj malfaciliĝis. Inter la geedzparo eksplodis iam kverelo. Edzina amĵaluzo pro estinteco. Tolstoj regule notis siajn tra-vivaĵojn kaj ideojn en taglibro, kiun li en sincerecmomento montris al ŝi. Sonjo eksciis pri antaŭa amo al kamparanino Aksinja dum junfraŭlaj jaroj. Tiu konfido montriĝis fatala, ĉar ĝi enverŝis amaron en iliajn interrilatojn. Verdire Sofio kiel edzino estis senriproĉa. Ŝi estis laborema, zorgema, klopodis pri la edza sanstato, bezonoj kaj trankvilo por verkado. Ŝi ĉirkaŭigis lian vivon per fidela obeema amo.

El tiu tempo devenas la du vaste konataj romanoj: "Milito kaj paco" kaj "Anna Karenina".

Delonge Tolstoj malbonfartis. Li tusis kaj sentis pulmo-doloron. La bopatro kiel kuracisto esploris lin kaj konstatis

tuberkulozon. Inter la popolo estis aplikata kontraŭ tiu malsano ĉevalina lakto, nomata "kumys". La malsanulo decidis veturi Azion, eklogi en kirgiza tendo sur stepo kaj kuraci sin. Efektive li resaniĝis kaj krome amikiĝis elkore kun tiea migra paŝtista loĝantaro – dum posta vivo li ĉiam laŭdis siajn primitivajn amikojn.

Ĝenerale Tolstoj tre ŝatis renkontiĝi, babili, konsiliĝi kun divers-specaj stranguloj: almozuloj, vagantoj, kantistoj, pilgrimantoj, popolaj profetoj, k.t.p. El fenestroj de la korto en Jasna Poljana estis videbla ŝoseo, kie marŝadis pluraj homoj tien kaj reen. Tolstoj ofte eliradis el sia oportuna grafa domo al ili kaj kondukis ilin en sian hejmon, traktante la malriĉulojn kiel gastojn. Tio kolerigis Sofion, opinianta tian konduton de la edzo nedeca. Ŝi fariĝis ĉiam pli nervema. Post nasko de la unua filo ŝi denove gravediĝis kaj tio ripetiĝadis kun mallongaj interrompoj – kaj samtempe la kutimoj de Leo pli kaj pli strangiĝadis. Li komencis aludi publike kaj skribe siajn novajn vivprincipojn, ŝokantaj la altsocieton kaj eĉ la caran kortegon. Tolstoj mallaŭdis la komfortan facilan vivon de riĉuloj kaj kompatis la kamparanojn, traktante ĉian riĉaĵon kiel kulpon kontraŭ mizeruloj. Li ofte iradis en la vilaĝon por babiladi, instrui kaj helpi propramane. Eĉ li postulis, ke la samon faru lia familio. Dume la gefiloj elkreskis kaj observadis gepatran kunvivadon, ili dispartiĝis en du flankojn: la filinoj sekvis la patron kaj la filoj rezignis pri fizika laboro, opiniante tiel kune kun la patrino. Ŝi ĉiam pli memstare estris la hejm- kaj bien-mastrumadon. La grafino fariĝis digna kaj postulema damo, estimiganta gastojn kaj timiganta servistaron.

Tamen la trankvilo de la hejma vivo por ĉiam jam estis perdita. Leo Nikolajeviĉ ne cedis al la edzino en siaj vivprincipoj, sekve li sentis sin ĉiam pli soleca. Li multe verkis, sed la karaktero de lia verkaro ŝanĝiĝis. Estiĝis malpli romana – pli filozofia. El tiu tempo datiĝas "Kreutzersonato", "Konfeso" kaj "Reviviĝo".

Rakontinde estas, kiamaniere transformiĝis la mondkoncepto ĉe Leo Tolstoj.

Antaŭe li ja estis religiema, fastis laŭ ortodoksaj ordonoj kaj plenumadis religiajn praktikojn en preĝejo. Tamen unu evento tute ŝanĝis lian ĝistiaman konduton.

Foje la jam maljuna filozofo decidis piediri al fore situita monaĥejo, kien pilgrimis multaj homoj al la pro sia dia saĝeco fama patro Ambrozio. La grafon akompanis nur fidela

lakeo – kaj la ambaŭ barbuloj en popolaj ĉemizoj nudpiede marŝis inkognite. Dumvoje, proksime jam al la celo, ili haltis en pilgrimnoktejo por ripozi. Tiuj maloportunaj kaj nesufiĉe puraj ripozejoj estis prizorgitaj de monaĥoj, ne ĉiam mildaj kaj ĝentilaj. Leo Tolstoj estis tie traktata samkiel aliaj, kun certa krudeco. "Iru, maljunulo! Kial ci atendas?" Tiun scenon la servanto ne plu povis elteni kaj diris indigne: "Vi ne scias, al kiu vi parolas. Ja tiu ĉi homo estas la grafo Tolstoj!" Simila konigo efikis al la ĉeestantoj kiel tondro el la hela ĉielo. Oni tuj trovis por la grafo konvenan belan ĉambreton kaj komencis servi al li kun granda komplezemo. Tamen la filozofo malgajiĝis: jen la boneco aplikata de t.n. "sanktaj homoj" nur okaze de riĉeco, de titolo... Fine Leo Nikolajeviĉ atingis la estadejon de la patro Ambrozio kaj renkontiĝis kun li. Ĉi tie li seniluziiĝis denove. Tolstoj volis priparoli diversajn spiritajn kaj sociajn problemojn profunde, juste – tamen la respondoj de la p.Ambrozio estis banalaj, samaj, kiajn oni povas trovi en ajna eklezia lernolibro.

Post reveno la maljunulo tute ŝanĝis sian kondutmanieron kaj laborspecon. Li rifuzis verkadon de romanoj, kiujn li pritaksis kiel neutila tempo-perdo. Tutan energion kaj laboremon li turnis al memstara serĉado de la Vero, de la "pura" religio. Li trastudis la grekan lingvon por traduki la Evangelion, kiun li supozis ne esti tute aŭtentika. Kaj tie li trovis multajn tradukerarojn, ŝanĝantaj la profundan sencon de la Jesuinstruo. Tolstoj ne opiniis esti tre valoraj la priskribitaj mirakloj, uzitaj laŭsupoze de skribistoj por logi la popolamason. Li komencis akre kritiki la Ortodoksan Eklezion, tre ofte kompromisanta kun malbono, por persisti kiel institucio kaj tial trompanta siajn adeptojn. La filozofo proklamis idealon de malriĉeco, fizika laboro, homegaleco, evangelia amo. Li ankaŭ riproĉis neniigon de la malbono perforte, opiniante, ke perforto kiel malbono en si mem ne kapablas ion plibonigi, ĉar perforto naskas perforton. De tie devenas la principo: ne kontraŭstari malbonon! – kiu tute ne signifas, ke ĝi estas agnoskata. Male: ĉiu malbono estu "venkita" nure per amo, ĉar nome per tiu ĉi rimedo ĝi estas solvebla.

Nature, ke simila sinteno malplaĉis al eklezia kaj ŝtata estraroj. La caro avertis la grafon, – kompreneble senefike. Sekve oni malpermesis eldoni la filozofiajn verkojn de Tolstoj en Rusujo. Do li eldonadis ilin eksterlande. Tiutempe

li estis jam famega persono en tutmondo kaj ricevadis abundan korespondaĵon de plej konataj eŭropaj eminentuloj. Ĉia verkaĵo, eĉ plej eta, de Tolstoj estis aplaŭde akceptata kaj disvastigata.

En 1897 regis en Rusujo terura malsatego, nesentebla por bienposedantoj, tamen mortiga por kamparanaro. En Jasna Poljana la grafo mem distribuadis nutroproduktojn kaj dum tutaj tagoj helpadis al mizeruloj. Krome li alarmis en gazetaro, konsilante al estruloj, kiamaniere organizi la necesan helpon. Rezulto estis tia, ke la caro ĝenerale malpermesis skribi pri "malsato", ordonante anstataŭigi la drastan vorton per "malfekundec-plago" kaj depost tiu tempo la vortoj de Tolstoj ne plu estis presigataj.

La malboniĝo de rilatoj kun la cara kortego treege nervigis la grafinon. Ŝi eĉ persone vizitis la imperiestron por senkulpigi sian edzon. Tie ŝi estis favore akceptita kiel helpantino trankviligonta la ekscesojn de la grafo.

La hejmrilatoj estiĝis pli kaj pli neelteneblaj.

Leo Nikolajeviĉ decidis ne plu akcepti tantiemojn pro siaj verkoj. Por li nun ŝajnis fiago monprofiti el nobligontaj pensoj kaj ideoj. La opinio de lia edzino estis malsama. Ŝia postulo estis tiel altruda, ke li finfine cedis por ŝi ĉiujn monrajtojn. Krome Tolstoj mem ne plu volis esti parazito por aliaj. Li deziris perlabori mane por sia vivteno. Li ellernis ŝuistan metion, aranĝis en sia kabineto metitablon kaj faris botojn por si kaj por vilaĝanoj. Li helpadis al ili konstrui domojn kaj konstante laboris sur kampo.

Dumnokte li verkadis ĉe kandeloj. Liaj personaj bezonoj estis limigitaj ĝis minimumo. Antaŭe li estis fervora ĉasisto – nun li fariĝis vegetarano, nesciante, ke la zorgema edzino ordonis ofte al kuiristino enverŝi buljonon en lian senviandan supon.

La plej granda kverelo inter la geedzoj okazis en la tago, kiam Leo Nikolajeviĉ anoncis al sia familio, ke li volas disdoni almenaŭ parton de la biengrundo por vilaĝanaj malriĉuloj. Sofio kriis, histeriis, ke li intencas almozigi siajn proprajn infanojn kaj ŝi eĉ minacis anonci publike la grafon kiel senkonscian maljunulon, bezonanta tujan medicinan helpon, – se li efektivigus sian frenezan planon. Oni povas imagi, kiom suferis la maljuna saĝulo, ne trovanta komprenon en sia propra familio. Feliĉe eksterhejme li akiris multajn adeptojn t.n. "tolstojanojn", imitantaj vivmanieron de ilia majstro, de kiu ili estis rekonataj kiel la plej fidelaj amikoj.

Post kelka tempo, por savi la hejman trankvilon, li trans-

donis la propraĵ-rajton al sia energia edzino. Nun ŝi kontentiĝis, administrante memstare la grandegajn bienojn kaj eltirante el ili la ĝustajn enspezojn.

Foje la grafino ekpostulis, ke ili ĉiuj translokiĝu en Moskvon, pasigonte nur somerojn en Jasna Poljana. Ŝi motivis la intencon jene: la filoj jam maturiĝis por ekstudi en akademioj kaj la filinoj devas "estadi" ĉe eminentaj domoj por trovi fianĉojn. Leo Tolstoj ĉiam cedema – krom la fundamentaj problemoj – konsentis ankaŭ ĉi-foje. Ili aĉetis oportunan apartamenton, kie en la flanka parto li elektis modestan kabineton por siaj propraj bezonoj. Tie li verkis, dormis kaj en apuda ĉambreto kun primitiva forno li mem kuiris la avensupon kaj kudris ŝuojn por servistaro.

Lia sanstato ĉiam pli malboniĝis. Tamen la filozofo rifuzis la kuracistan helpon. La morton li ne timis, preparante sin al ĝi delonge kaj atendante ĝian venon kun plena trankvilo. Okazis, ke komplezema posedantino de palaco en Krym, ĉe Nigra Maro, proponis al Tolstoj eklogi tie kaj profiti la sanigan marklimaton. La invito estis akceptita kun ĝojo kaj baldaŭ la tuta familio veturis tien por kelka tempo. La ĉirkaŭaĵo de ripozejo Gaspra estis ĉarmega. La maljunulo tie pli bonfartis, ekskursis eĉ surĉevale kaj rekomencis verki.

Post reveno al Moskvo la ordinara hejma vivo rekomenciĝis. Kiel estis menciite, Tolstoj posedis sian sekretan taglibron, kie li regule skribadis siajn impresojn, travivaĵojn kaj pensojn. Rimarkinte scivolemon de sia edzino, li ehavis ankoraŭ malgrandan kajereton, kiun li kaŝis en sia boto-tubo. Li ĉiam sentis sin hejme kiel malliberulo, diligente observata kaj kontrolata de familianoj. Tia stato turmentis lin dolorige.

Jen la vivo denove alportis malplezuran eventon.

Atendante morton, Tolstoj meditis pri sia verkar-testamento. Lasi ĝin, precipe la filozofian, al la lin nekomprenanta familio, aŭ ĉu al amikoj kaj disĉiploj, petantaj pri tiu heredaĵo? Ĉi-demando okupis daŭre la menson de la filozofo kaj post longa animlukto li decidis heredigi la amikojn. Simila decido senlime kolerigis la ambician grafinon. La spiritajn adeptojn de la edzo ŝi entute malamis kaj ne povis toleri hejme ilian ĉeeston. La domatmosfero estiĝis terura, sekve la maljunulo pli ofte pensis pri tio, ke li forlasos la familion, por trovi trankvilan lokon, kie li travivus en kvieto kaj sendependeco la reston de la surtera vivo. Tion antaŭtimis Sofio, kiel

hontigan okazaĵon por ŝi mem kaj decidis ankoraŭ pli detale gardi sian senprudentan edzon.

Foje Leo Nikolajeviĉ svenis kaj longe ne rekonsciiĝis. Kiam li nokte malfermis la okulojn, li ekvidis la edzinon sidantan ĉe la lito kaj trarigardantan lian sekretan notkajeron el la boto.

Depost tiu momento la decido pri forkuro firmiĝis.

Iunokte, dum Sofio dormis en alia domparto, Tolstoj vekis sian amikon, dormantan kune, kaj anoncis, ke ili tuj forveturos. La veturilon pretigis silente lia fidela servanto. Ĝi transportis ilin al fervoja stacidomo. De tie ili direktis sin al monaĥejo, kie loĝis Maria, fratino de la maljunulo. Li sciis, ke ŝi, kvankam monaĥino, estis sincera lia amikino kaj komprenos la fraton. La kondiĉoj de veturado estis teruraj. Ili sidis en vagonaĉo kune kun aliaj malriĉuloj, ĉar la filozofo rifuzis vojaĝon en la unua klaso. Tra fenestro forte blovis. Tolstoj ne fartis bone. Kiam li atingis la celon, li estis tute malsana. Vespere li babilis kun sia amata Maria kaj poste ekdormis. Dumnokte li leviĝis maltrankvila, antaŭsentante postkuron, aranĝitan de sia edzino. Li decidis daŭrigi senprokraste la vojaĝon. Kien? Li ne sciis. Pli rapide al trajno! Tamen la nekonata celo neniam estis atingota. En vagonaro la malsanulo tute perdis forton kaj en malgranda stacio Astapovo li estis lokigita ĉe la staciestro, en ties privata loĝejo, kie li kuŝis kelkajn tagojn, malsana je pulmo-inflamo, kaj mortis nedezirante vidi Sofion. La grafino trovis lin en Astapovo ankoraŭ antaŭ lia agonio, ekloĝis proksime, sed ŝiaj petoj pri intervido estis de la edzo rifuzataj.

Grandega homamaso akompanis la mortinton al Jasna Poljana. La cara administraro malpermesis al gestudentoj partopreni la funebran veturadon per vagonaro, tamen ili venis al Jasna Poljana alimaniere. Akompanis la senvivan filozofon ankaŭ policistoj, gardantaj ordon kontraŭ eventualaj ribeluloj. En la malnova domo, kie la pensulo pasigis sian vivon, la vilaĝanoj priploradis sian bonfaranton. Oni kondukis la grandulon al arbaro kaj enterigis lin sub betulo, sur loko indikita iam de li mem.

Dum la ĉerko estis deponata en la teron, ĉiuj ĉeestantoj genuklinis. Staris sole policistoj. Aŭdiĝis voĉoj: "Policistaro sur genuojn!" Nevole ili obeis.

Post Leo Nikolajeviĉ Tolstoj – unu el la plej elstaraj eminentuloj de ĉiuj tempoj kaj unu el la plej nobelaj homoj inter teranoj, – restas modesta, senkruca kaj sennoma tomba mont-

eto, estimata de la postaj disĉiploj.

En Jasna Poljana la sovetunia registraro establis muzeon kun memoraĵoj de la fama verkisto kaj filozofo.

Halina Tarasova, Pollando

BIBLIOGRAFIO

- Leo Tolstoj "Taglibroj" - Antonio Semcuk "Leo Tolstoj"
- Ilja Tolstoj "Memoroj pri mia patro"
- Tatjana Kuzminska "Mia hejmo en Jasna Poljana"
- Verkaro de L. Tolstoj

---

NIA FELIETONO — Rememoroj

Mi kutimas babiladi perletere kun la redaktoro de EV. Iam mi skribis al li pri la vegetarismo. El mia letero li formis artikoleton kaj publikigis ĝin en EV N-ro 10/1974, en rubriko 'El leteroj de niaj legantoj'. Ĉar la artikoleto ne estas sufiĉe klara, mi devas iomete ĝustigi ĝin jene:

Kvankam mi ne estas vera vegetarano, tamen mi simpatias kun ĝi, ĉar mi ne nur ŝatas la sen-viandajn manĝaĵojn, sed mi ankaŭ taksas ilian bonan efikon al nia organismo, kaj ĉefe, ke ili ne postlasas en nia korpo domaĝajn restaĵojn, precipe ĉe maljunuloj. Krome, la afero interesas min ankaŭ tial, ĉar 'hazarde' mi estas bona konanto de la redaktanto de EV jam dum jardekoj, kaj mi rememoras, ke jam antaŭ preskaŭ 50 jaroj, kiam ni 'hazarde' kune soldatservis, li por siaj maten- kaj vesper-manĝoj prefere trinkis kaprinan lakton, kiun por li freŝan alportadis nia 'persona prizorganto' (soldata servisto), ĉar li jam tiam havis siajn principojn, rilate nutrado. Sed ne nur pri la nutrado... Ĉu mi perfidu ion? – Li tiam jam ne nur energie sed ankaŭ entuziasme studadis Esperanton, – tiamaniere li 'utiligis' tiun tempon, dum kiu ni, aliaj, prefere amindume randevuis.

Sed mi volas mencii okazon, kiam ni ĉiuj vere konvinkiĝis ke vegetarismo estas utila, kaj ke ĝi donas ion al la homoj specialan, nome, la redaktanto de nuna EV tiam dum la soldatservo gajnis kelkajn unuajn premiojn en soldataj atletikaj konkursoj, kaj ankaŭ en aliaj aferoj staris ĉiam en la unuaj lokoj...

Kaj post dek jaroj ni 'hazarde' denove renkontiĝis kaj vivis en la sama urbo, kie li komencis eldonadi kaj redaktadi la bonfaman gazeton Esperantisto Slovaka, en kiu li ankaŭ komencis alproksimigi al la legantoj la laŭ-naturan viv-

manieron, precipe per la artikolo 'Naturalismo', kaj kiam ni faris kune ofte ekskursojn al altaj montaroj. Nu, kaj ĝuste pri unu tia ekskurso mi volus nun ion mencii, ĉar ni admiris la eltenon de nia kara vegetarana amiko:

Unu dimanĉan tagon ni ekskursis per lia aŭtomobilo al montoj. Poste ĉiu prenis sian dorsosakon, kaj ni marŝis tra la monto-dorsoj sur la monton 'Fratranský Kriván' (Montaro en meza Slovakio, 1709 m. alta). Ĉar kun ni ekskursis ankaŭ mia, en tiu tempo, 8-jara filo, ni 'grimpis' supren malrapide per regulaj paŝoj. Tio ne plaĉis al nia redaktanto. Li pli volonte estus kuranta supren. Sed tamen li ne povis lasi siajn amikojn. Do tial li kuris supren and reen. Li tion faris plurfoje, kaj ĉiam instigis nin per vortoj: 'Amikoj, venu pli rapide!' Proksimume post 3-hora marŝo ni trovis fonton kun bonega montara akvo. Tiam mi terure ekmalsatis. Mi diris, ke estus al ni bone resti ĉe la akvo por iomete fortigi nin per manĝaĵo. Do ni ĉiuj manĝis salamon, pilĉardojn (en oleo konservitaj fiŝetoj), ovojn, panon, kaj ni trinkis multe el la bona akvo. Sed ne tiel faris nia kara vegetarana amiko. Li manĝis iom da acida lakto kun kelkaj antaŭtage kuiritaj terpomoj... Poste li – post la satiĝo – instigis nin iri pluen. Mi respondis, ke mi jam ne kapablas, mi devas iomete ripozi. Li iris plu supren kaj ni bone ekdormis surloke. Reveninte, li trovis nin 'ripozi'. Li salutis nin per vortoj: 'Post tia lukula manĝado vi povas nur "ripozi", sed ne suprengrimpi la montopinton!'

Sed tamen – mi ne povas alie – nur diri la veron, ke li ne estas centprocenta vegetarano, ĉar li ŝatas virinojn...

Ŝtefano Leibiczer, ĈSSR.

P.S. La lastajn vortojn ne for-cenzuris la redaktanto,– precipe la lastan, (la aŭtoro eĉ donis tian kondiĉon!), ĉar ĝi diras nenion "malbonan": – "ŝatas"... kaj ĉe ni estas proverbo, kiu diras, ke kiu ŝatas florojn kaj virinojn, tiu ne povas esti malbona homo! – kaj mi vere ŝatas ambaŭ, – jen la mem-laŭdo!

(Erva)

---

"KION VI MANĜAS?" En tempo, en kiu finna kurinto Nurmi triumfis en distanco de 5 000 m, unu franca ĵurnalisto demandis lin: "Kion vi manĝas, ke vi estas tiel forta kaj persista, verŝajne anglajn bifstekojn?"

Nurmi respondis: "Tion ni tute ne konas, nia nacia nutraĵo estas terpomoj kaj legomoj."

(Dobrá myšlenka 1931) Esperantigis V. Sládeček)

## Ĉu ni iras ĝustan vojon?

Certe ni ofte revenos al tiu ĉi rubriko! - Niaj karaj legantoj rememoros, ke en la unua tia-titola mia artikolo mi menciis, ke la plej grava estas la spirado, la dua graveco apartenas al la trinkado, kaj la tria estas la manĝado. Kaj ke ce la vortoj pri trinkado mi menciis: ne estas ja egale, kion ni trinkas, kiam, kaj kiom ... kaj kian ... Sed ni lasu nun paroli nian karan amikon kaj kunlaboranton s-anon Docal:

En la vegetarana asocio de mia lando (Kubo) nomata "Pro-Vida", estiĝis oftaj diskutoj, ĉu oni aldonu glacion al trink-akvo. Kelkaj membroj ŝatis malvarmegan akvon, dum aliaj diris, ke tio estas kontraŭa al "naturismo". Kontraŭ ili mi ekpensis trafan respondon: En aliaj landoj, pli nordaj ol Kubo, la natura akvo estas multe pli malvarma, ol ni iam povus esperi malvarmigi ĝin pere de glacio. Tamen, mi eraris: malvarmega akvo estas malsaniga, kiel mi lernis multajn jarojn poste, kaj kurioze, mi lernis tion el artikolo kiu strebis konvinki la legantojn, ke malvarma akvo estas bonega. Kiam antaŭ du aŭ tri jaroj mi suferis pro ŝtono en la renoj, la kuracisto diris al mi, ke la sola rimedo estas trinki multan akvon, ne malpli ol 2 litrojn po-tage. Mi pensis: "Kiel degeneritan korpon mi havas, ke ĝi ne scias kiom da akvo ĝi devas akiri. Certe, mi trinkas akvon, kiam mi soifas. Eĉ bestoj faras tion. Mi trinkas tiom da akvo, kiom mia korpo postulas." Tiu artikoleto, laŭdanta la malvarman akvon, donis al mi la respondon. Ni tradukos partojn por vi: Du esploristoj de la Universitato de Nov-Jorko kontrolis la akvon trinkatan de ratoj, ŝanĝante la temperaturon de la akvo de 12 gradoj ĝis 36. Unue la ratoj estis malpermesitaj trinki akvon dum 23,5 horoj, kaj poste oni permesis al ili trinki tiom da akvo, kiom ili volis. Ju pli alta estis la temperaturo de la akvo, ju pli varma la akvo estis, des pli el ĝi la ratoj trinkis, ĝis 36 gradoj, kiu estas la korpotemperaturo de ratoj.

Jen estis la kialo, ke mi ne trinkis sufiĉe da akvo, kaj mi akiris renŝtonojn: en Usono kien ajn oni iras, oni ĉiam trovas trink-fontanojn de malvarmega akvo. La artikolo asertas, ke malvarma akvo estas bona kontraŭanto de soifo, ĉar ju pli malvarma, des malpli oni bezonas trinki, sed ĝuste tiu fakto preskaŭ mortigis min!

Sergio Docal
2947 Tilden Street, N.W.,
Washington, D.C. 20008, USA.

## ALVOKO AL KUNLABORO

La Vegetarana Societo de la Unuiĝinta Regno eldonadas libron "The Vegetarian Health Food Handbook" (Vegetarana San-manĝaĵ-Manlibro), kiu enhavas multajn utilajn informojn, tamen multaj ankoraŭ en ĝi mankas, kiujn povus doni la legantoj de Esp.Vegetarano, ekzemple:

1. Ĉu estas vegetarana restoracio en via urbo, aŭ proksime? – aŭ nur restoracioj, en kiuj oni povas ricevi ankaŭ senviandajn manĝaĵojn? – Kiajn?
   Indiku la landon en Esperanto, la nomon de la urbo, restoracio kaj strato, en la koncerna nacia lingvo. Aldonu telefon-numeron, tagojn kaj horojn, dum kiuj la restoracio funkcias.– Laŭeble notu la nombron de la sid-lokoj.
2. Bv. sammaniere informi pri hoteloj, gastejoj, sanatorioj, kiuj akceptus vegetaranojn.
3. Ĉu estas Vegetarana Societo, aŭ ia organizaĵo en via lando? – Bv. indiki ties adreson.
4. Ĉu estas vegetarana revuo en via lando, – aŭ vi ricevadas ĝin el alia? – kiun? – Bv. indiki nomon, adreson, dume notu afable, ke EV estas jam ĉe mi konata.

Kaj fine: traduku afable la subajn vortojn en iun al vi konatan lingvon. Notu, ke en angla, franca, germana, itala, hispana kaj Esperanta la teksto jam ekzistas en la Manlibro. Indiku, en kiu lingvo estas la teksto, kiun vi sendas. – Jen la vortoj:

1. Ni estas vegetaranoj, ĉu vi havas ion por ni, manĝi? –
2. Vegetarano manĝas ĉiujn vegetaĵojn, fruktojn kaj nuksojn, ankaŭ lakton, buteron, fromaĝon kaj ovojn.
3. Supojn kaj saŭcojn, preparitajn el vegetaĵoj.
4. Sufleon, legomaĵojn diversmaniere preparitajn, farunaĵojn kun nukso, papavo, kazeo, fromaĝo aŭ tomato.
5. Omleton, preparitan per vegetaĵa oleo aŭ butero, rizon diversmaniere.
6. Salatojn, sen viandaĵo kaj besta graso.
7. Pastaĵojn kaj kukojn preparitajn sen besta graso.
8. Glaciaĵon.
9. Kompotitajn aŭ konfititajn fruktojn.
10. Vegetarano ne manĝas: viandon, fiŝojn, birdojn, – nek manĝaĵojn, kiuj estis preparitaj en besta graso (en butero jes), – produktojn el viando.
11. Multe da danko! – Mi kore dankas!

La supre-menciitajn datojn kaj la tradukon bv. sendi al:

s-ano Edwin C. Harler, 47 Hardy Road, Levittown, Pa. 19056, USA, kiu ilin transdonos al la VS-UR. —Nepre sendu ilin, ne atendu, ke iu alia tion faros! Anticipe dankon!

---

************** ALVOKO EL HINDIO **************

S-ano A. Mosch (Germanio), kiu estas jam konata al niaj legantoj, sendis al ni la jenan tradukon de la letero, kiun ricevis la Germana Vegetarana Centro en Sontra, el Hindio. Jen la enhavo iom mallongigita:

...Ni estas por sanaj, senkonfliktaj, pacaj interrilatoj, kaj por la senperforta atingo de la justa paco. Ni estas por plantado kaj flegado de arboj, favore je la sana, vegetala mondo, sen malsato kaj soifo kaj sen epidemioj. Ni estas por vegetara vivmaniero kaj naturkuracado, por la vera saneco. La naturo estas saĝa saniganto, ĝi estas ĉion egaliganta forto kaj kuracanto. Ni pledas por respektado de ĉiu vivanto, por certigo de la pureco en la viv-medio kaj de la vivo, por la harmonia kunekzistado de ĉiuj vivantoj. Ni volas konservi en ni la internan trankvilecon en harmonio kun la naturo, atingi konstantan sanon, liberecon, progreson kaj justan pacon!

Veraj sano, ĝojo kaj bonfarto de la homoj kaj de ĉiuj estaĵoj dependas de la plenvaloraj nutraĵoj, de la pura akvo. Sed tiu ĉi povas esti nur, se arboj kaj arbustoj kreskas, kiuj altiras la pluvon-donacantajn nubojn, kaj konservas en la grundo la akvon. Plantado kaj flegado de la arboj estas grava faktoro por certigo de la saneco kaj vivo-ĝojo, kaj harmonia kunagado en kreada laboro de la Naturo, en la konservado de la vivo-ĉeno.

Viro kaj virino estas kreitaĵo de la Naturo, ora ero en la vivo-ĉeno. La Naturo volas satigi ĉiujn siajn kreitaĵojn, eĉ kiam ilia nombro konstante kreskas.. La homa destino estas administrado de la bezonoj ĉiutagaj, kaj li nur tiam povas esti feliĉa, se li prudente mastrumas la donacojn de la Naturo, por ne havi malsaton, soifon en la mondo. Tial estas granda krimo kontraŭ homeco, malvalorigi nutraĵojn, akvon, — kontraŭ la vivo, ne pluendoni tiujn ĉi al tiuj, kiuj ilin bezonas, ne zorgi pri tio, ke estu produktata plenvalora nutraĵo. Estas granda peko ekuzi nutraĵojn je ekonomia, sociala, politika, aŭ religia armilo! La sciencistoj konkuradas reciproke en siaj atingoj, konkeri la Lunon kaj aliajn

ĉielaĵojn.– Ĉu ili ne povus prefere klopedi, eviti malsaton kaj soifadon en la mondo? Ĉu ili ne povus prefere zorgi pri homeca interkompreniĝo en la mondo, pri evoluigo de laŭ-natura kuracado? – Ĉu ili ne povus prefere dediĉi la grandegajn monsumojn al laŭ-natura, plenvalora nutraĵ-certigo kaj konservado de pura akvo?...

Ni salutas ĉiujn vegetaranojn, ni deziras al ĉiuj bonan sanon, kontentecon! Enradikiĝu en la tuta mondo la vegetarana vivmaniero, kiu estas la sola solvo de la proksimiĝanta nutraĵmalabundeco, kaj la laŭ-natura kurac-arto!

Kun amikaj salutoj: Prof. Dattahaya Vasudeo Sokhale
Poona 2, (30), 604 Sadashiv, Hindio

---

**NOVA ENERGIO-FONTO POR "NORMALAJ" HOMOJ**

Laŭ aserto de amerikaj sciencaj laborantoj, musa viando estas dekdu foje pli nutra, ol viando bova! (El ĵurnalo Práca, 19.3.75)

En ĵurnalo SOBRECO estis recenzo de la libro "Ni ankaŭ donis ion al la mondo", kiu aperis okaze de la 1300-jara datreveno de la fondo de nia lando. Parolante pri Orfeo oni skribas:

ORFEO tamen ne estas nur mito, li estas ankaŭ historia persono, kiun Tracio donis al la mondo. La homoj transformis je mito la vivan homon, kiu mirigis ilian imagon per la forto kaj beleco de sia arto, kaj profundo de sia ideo. La Orfeismo (religio, kreita de la poeto) estas portanto de alta etiko, pri kiu eĉ religioj aperintaj jarcentojn pli malfrue, ne povas sin laŭdi. La Orfeanoj ne manĝas viandajn nutraĵojn, kaj ne trinkas alkoholaĵojn. – Eble iliaj antaŭuloj estis la unuaj vegetaranoj kaj abstinantoj.

El la bulgara: St. D. Minĉev
Zah. Stojanovo, Popovsko, Bulgario

---

REKLAMACIIS ĉe mi pluraj la nericevon de la lastaj n-roj de EV (12, 13-14). – Certe la afero interesas min, ĉu ĉie kaj ĉiu bone kaj regule ricevadas nian bultenon, sed denove mi atentigas, ke pri la nericevo oni af. informu la eldonanton, kaj en soc. landoj la R-P-ojn, ĉar tien EV estas ĉiam sendata komune por ĉiuj al la R-P-oj registrite, kaj en kazo de nericevo de la paketo la eldonanto bezonas havi informon, por ke li povu reklamacii ĉe la poŝto. – Erva.

## PRI LAKTUKO-SALATO

La klorofiloj ludas gravan rolon ĉe la homa nutrado. Ili estas fontoj de multaj aktivaj elementoj en la organismo de animaloj kaj homoj, kaj ĉefe de la sanga pigmento ĉe la varmsangaj – la HEMOGLOBINO kaj de elementoj, nepre necesaj por la procezoj de la metabolismo. La verdaj foliaj pigmentoj estas baza laboratorio de nia planedo, kie la sunenergio estas transformata en nutroelementojn, helpe de la akvo kaj de karbona dioksido. Sciigindaj esploroj vidigas, ke en la verdaj surteraj plantoj troviĝas granda kvanto da magnezio, kio montras ilian enorman kvanton en la naturo. La klorofiloj kapablas purigi la aeron de amasiĝinta en ĝi karbona aksido kaj dioksido, kaj apartigi liberan oksigenon. La verdaj pigmentoj estas ege valora materialo por la kemiaj reakcioj, senĉese efektiviĝantaj en la animalaj organismoj. Ĉe ties detruado formiĝas protoporfirinoj, el kiuj, ĉe helpo de la aktiva fero aperas la hemoglobino. Estas konstatite, ke sen verda nutraĵo la homa organismo ne povas laŭbezone disvolviĝi kaj plenumi siajn bazajn biologiajn funkciojn. Pro tio estas akceptate, ke la verdfoliaj legomoj devas esti ĉiutaga nutroprodukto por ni, kaj nepre konsiderindkvante, kio malmultigas la anemiajn statojn, kaŭzatajn pro nesufiĉa enhavigo de konstruelementoj por la hemoglobina molekulo.

La verdfolia nutraĵo estas vera plezuro por tiu, kiu ŝatas la freŝan aromon de la freŝaj plantproduktoj. Ili havigas al ni ekstreme valorajn elementojn, aktive efikajn. Eĉ ili decide ŝanĝas nian nutradon ĉar, post la vintro, nia organismo ne plu bezonas altkalorian nutradon sed male – ĝi jam postulas malaltkalorian, sed forte nutrigan nutraĵon.

**LAKTUKO-SALATO** Inter ĉiuj verdfoliaj nutraĵoj la unuan lokon okupas la salatoj kaj laktukoj. Ili estas parencaj laŭ sia ĥemia enhavo: aktivaj kaj mineralaj elementoj, vitaminoj, organikaj acidoj, kolorigiloj, albumenoj, granda kaj riĉa sortimento de ĉiuj ĉi. Vitamino C troviĝas ĉefe en internaj folioj, provitamino A estas 30-foje plimulte en la eksteraj, verdaj folioj (kutime ignorataj de ni). Krome, la eksteraj folioj entenas multe pli da vitamino B1 ol la internaj, helverdaj. Ili entenas ankaŭ multajn orgnikajn acidojn (antaŭ ĉio poman kaj citronan). Krome, ili estas riĉaj je kalio, magnezio, mangano, fero, fosforo,

sulfuro kaj ili enhavas vicon da aliaj mikroelementoj. Sciindaj esploroj pruvis, ke ankaŭ mineraloj troviĝas plimulte en la eksteraj, verdaj folioj, pro tio oni ne devas ilin forĵeti, sed zorge lavi kaj manĝi, miksite kun la internaj, kiuj entenas pli da albuminoj. Ĝenerale, tiuj du legomoj entenas tiom da albumeno (preskaŭ), kiom entenas la maturiĝinta sekiĝinta fazeolo, komparite en seka albuminmaterialo. Estis jam pruvite, ke iliaj albuminaĵoj estas formitaj de la plimulto el la konataj aminoacidoj kaj prezentas plenvaloran albuminon. Tiuj lastaj tamen estas malfacile utiligataj de la organismo, ĉar ili estas enkadrigitaj en celuloza skeleto de la plantaj ĉeloj kaj nefacile atingeblaj por la digestosukoj. Jen pro tio, la verdfoliaj legomoj estu maĉataj multe pli ol ĉiuj ceteraj nutroproduktoj. La aminoacida kvanto en la "koro" de tiuj du legomoj estas plej granda, kompare kun la ceteraj nutrolegomoj. La albumeno en ili estas substrekite riĉega, koncerne la valoregan aminacidon LIZINO. Nome pro tio tiuj ambaŭ estas la plej riĉaj nutroplantaj produktoj, fontoj de tiu acido. La junaj folioj entenas kompare malpiej multan celulozon. Oni manĝu tiujn legomojn nepre freŝaj, nekuiritaj, sensalaj, por pli granda uriniga efekto. Ĉiu el ili stimulas la vivoprocesojn kaj katalizas la biokemiajn reakciojn, rezulte de kio oni sentas sin pli vigla, vivoplena kaj laborkapabla. Ili nepre devas esti nia ĉiutaga nutraĵo, kaj la intestoj ne plu bezonos laksigilojn.

(Daŭrigota) Ruĵa Ĉerneva, Bulgario

---

SENDANTE al la redaktanto materialon por publikigo, bv. ĉiam – laŭeble – skribi per maŝino, kaj sendi ankaŭ 1 kopion samtempe. Povas ja okazi, ke la letero kun la materialo, kiun sendas la redaktanto al la eldonanto, perdiĝas, kaj por tia kazo estas necesa la rezerva materialo, por povi ĉion refoje prilabori.

LA ARTIKOLOJN, kiujn vi sendadas, same viajn leterojn, bv. ĉiam subskribi plen-adrese, – iam eĉ nomo mankas tute! (Se vi NE DEZIRAS havi ĉe via artikolo plenan adreson, tiam faru laŭ via volo la necesan noton.)

---

"Ĉu multte da grandaj homoj naskiĝis en via urbo?"
"Ne. Laŭ mia memoro, nur infanetoj." (M. Butler)

El leteroj

Kara redaktanto, – mi ne povas trovi vortojn, kiel esprimi mian ĝojon, sed precipe dankon al nia karega Angela, – imagu, post longa atendado denove EV en niaj manoj: la 12a, – sed ne la via, tamen tiu, – represita ie en iu ĉe-Balt-mara lando, tute, kiel la via, nur la koloro estas alia, – "kafo kun lakto". – Jes, ni devas tre danki al nia kara Angela, kaj deziri al ŝi bonan sanon, longan, feliĉan vivon! Via Rusin

Transkarpatio, Sovetunio

(La redaktanto havas la saman deziron kun dank-esprimo! Jen, ekzemplo ankaŭ por aliaj landoj, en kiuj kutimas niaj senditaĵoj "perdiĝi".)

En marto ĉi-jara ni "festis" kun la patrino nian vegetaraniĝon, antaŭ 4 jaroj. Ni fartas bone, kaj precipe mi ne havas la antaŭe kutimajn kap- kaj stomak-dolorojn. Kiam mi menciis la "jubileon" en mia laborejo, la koleginoj ekkriis: "Ho, kompatindulino, kiel vi ja povis tion elteni?!" – Dume ili ofte vizitadas kuracistojn pro doloroj ĉe galveziko, stomako, pro ulceroj en la digest-organoj, – sed ili devas manĝi la viandon, sen kiu ili ne povus vivi. . . Kompatindulinoj!

Olga Novotná, ĈSSR

Ekinteresis min vegetarismo, sed mi – pardonu mian laikecon! – volus demandi: ĉu – ekzemple – vegetaranoj manĝas ovojn, en kiu ankaŭ estas vivonto, kaj se ne, tiam certe ankaŭ ne kaviaron? . . .

Sed mi volas ankaŭ rakonti ion el la miaj propraj spertoj: La Vespera Lernejo, en kiu mi instruas historion, havis filion en la metilernejo ĉe la urba viandaĵfabrikejo. En la grupo de viandistoj krom knaboj estis ankaŭ knabinoj, neplenaĝaj, el vilaĝoj, komence tre mildaj kaj delikataj. Sed la majstroj al mi rakontis, ke malgraŭ instrukcioj, pro abundo de urĝa laboro, dum praktikado oni donis al la knabinoj ankaŭ buĉistan laboron, do tiuj same, kiel la viroj, sensangigis la ĵus elektro-ŝokitajn bovinojn, ktp. Kaj vere, mi konstatis, ke tiuj knabinoj ĉe fino de la lernojaro iĝis jam nemildaj, sed iom krueletaj kaj nervemaj, kompare al aliaj – ekzemple el la laktista grupo de la sama metilernejo. Mi opinias, ke la instrukcioj malkonsilas doni al virinoj tiun buĉistan laboron, ĉar ĝi estas fizike peniga, sed kiam temas pri junaj knabinoj, tio des pli estas malbonaĵo pro moralaj kialoj, – ĉu ne?

Mi ŝatus "aŭdi" la opinion pri la afero de la legantoj de EV., kaj ĝenerale esti informita pri vegetarismo, tial mi volonte komencus korespondi kun ili el diversaj landoj. – Kun salutoj: 40-jaraĝa instruisto, Daniel Kolker, abonkesto 649, Zaporoĵje 330000, Ukrainio, Sovetunio.

Kara Redaktanto,– mi volas rakonti al vi strangaĵon: mia edzino kverelis kun juna infana kuracistino pro la deviga vakcinado de la infanoj. Ŝi interalie diris al la doktorino, ke la plej bona vakcinado estas la sana, senvianda, vegetara nutrado de la infanoj.– La kuracistino koleriĝis kaj notis en la registran karton, ke – kompreneble – la infano estas malbone nutrita, ĉar ĝi estas vegetarano. Ŝi kontaktiĝis ankaŭ kun la instruistino de nia filineto, kaj ili kune decidis, ke nia filineto devos iri al psikiatrio, por montri al la mondo, ke vegetarana nutrado ne estas konvena, kaj ke infanoj de vegetaranoj estas nenormalaj, eĉ stultaj...

Sed la sorto aranĝis ion alian: la kuracistino devis foriri el sia posteno, anstataŭ ŝi venis maljuna kuracisto, kaj kiam venis denove mia edzino tien al deviga kontrolo, la kuracisto – leginte la noton en la kartoteko,– afable salutis kaj alparolis mian edzinon, kun demando, ĉu ni vere ĉiuj estas vegetaranoj, – li ja ankaŭ jam 25 jarojn estas vegetarano... Li konstatis poste, ke ambaŭ niaj filinetoj estas kiel korpe, tiel ankaŭ mense, normale evoluintaj. Sláček, ĈSSR.

Tre ĝojigis min povi legi la lastan n-ron de nia kara EV, kiu estas tre interesa kaj varia, kiel ĉiam! – La artikoloj igas nin meditadi,– vere ofte nin kaptas la penso kaj ideo: "Ĉu ni iras la ĝustan vojon?" – Same min. Tial mi meditadas pri mia viv-maniero, kaj mi klopodas atingi rezultojn, kiuj estas bonaj kaj utilaj por miaj sano kaj organismo. Kaj ke mi ne vivis malbone, malprudente, tion pruvas la fakto, ke mi ĉi-somere atingos la 89-an jaraĝon,– ĝis nun en bona sano! – Mia racio diras al mi, ke maljuna homo ne bezonas nutraĵon, kiel la juna, kaj ke mi bezonas helpi al miaj koro kaj stomako, funkcii pli facile, sen superflua laboro, kaj sen balastoj. Tial mi trinkas malmulte, por ne doni al la koro kaj aliaj organoj nebezonan laboron, kaj krome, ĉar mi manĝas sufiĉe da freŝaj fruktoj, kiuj estas suko-havaj, precipe al matenmanĝo kaj vespermanĝo. Al tagmanĝo mi varme rekomendas la rozen-panon, respektive manĝi rozenojn al io, aŭ en io, ĉar tiuj helpas al la koro kiel la bona mielo, havantaj en si la vitaminojn kaj fruktozon, kiuj estas ne nur nutraj,

sed precipe la fruktozo helpas al la koro, ĉar ĝi nutras ties muskolon. – Do antaŭ enlitiĝo ne manĝu multe, kaj ne malfrue. Tiam vi havos trankvilan nokton, bonan dormon, kiu estas tre grava por la sano kaj nervoj. – Multajn korsalutojn al ĉiuj legantoj de EV! – Ili af. notu mian novan adreson:

Walter Etzold
Paul-Lange-Heim, Haus 8, 705 Leipzig, GDR.

Estimata samideano, – eble vin ekinteresos la enhavo de mia letero, kiun mi skribis al via samlandanino: D-rino Alena Krupkova en Karlovy Vary:

"Vi pravas, estimata s-ino, ke la animalaj albuminoj estas necesaj por la homa organismo, sed ĉu tial mi nepre devas murdi bestojn? Laŭ mi sufiĉas lakto, laktaĵoj, ovoj. Sed notu, ke la scienco eltrovis jam ankaŭ artefaritan albumenon, – la plej progresemaj sciencistoj esploradas la eblecon 'fabrikadi' tion, eĉ krei vivan ĉelon. Post kelka tempo certe ili kapablos anstataŭigi ankaŭ lakton kaj ovojn per science kreitaj albumenoj. Tamen samtempe dum tiaj sciencaj sukcesoj propagandi: 'Mortigu, murdu bestojn, manĝu ilian korpon, ĉar tio estas utila por la organismo!' – pardonu, sed tio estas sovaĝa, tigra filozofio. – Rezignu ĝin!

"Ĉia mortigo estas peko kontraŭ la naturo, – la vivo devas esti respektata! – Al tia konvinko venis jam multaj popoloj, – la plej multnombraj en la mondo, kiel la hindoj, ĉinoj, japanoj. Same multaj el-inter la plej famaj saĝuloj, verkistoj kaj sciencistoj protestas kontraŭ la buĉista filozofio kaj literaturo. – 'Mia stomako ne estas tombejo por kadavroj de animaloj!' – diris B. Shaw al siaj gastemaj konatoj, kiuj regalis lin per 'bongustaj' viandaĵoj. – En via lando vivas la redaktanto de Esp. Vegetarano, petu de li nian gazeton, kiu estas utila eldonaĵo ne nur por vegetaranoj, same por fakuloj de la nutrado.

"Via letero mirigis min, mi ja ne diris, ke vi nepre rezignu la albuminojn, ĉar kiel mi jam menciis, vi ricevos tiujn abunde el lakto, laktaĵoj kaj ovoj. – Rilate vegetaranojn, mi konas du specojn ĉe ili: idealistojn, kaj profitemulojn. La unuaj prefere nutras sin pli modeste, por ne senti sin murdistoj, – la duaj elektis la vegetaran sinnutradon, ĉar ili sciiĝis, ke tiu estas pli utila al la homa sano, do nur pro tia profito! Laŭ mi tiuj ĉi venis nur hazarde inter vegetaranojn, ĉar se oni konsilus al tia 'utilisto', ke por lia

resaniĝo nepre necesa estas homa sango, li sen meditado kaj hezitado elsuĉus la sangon eble eĉ el sia frato aŭ fratino!
– Ne la 'praktike-utilaj' celoj estas ĉefaj en vegetarismo, sed la principo pri respekto de la vivo, – la rezigno mortigi bestojn!

"Certe kripligi sian korpon estas same peko kontraŭ naturaj leĝoj, – ĝusta vojo estas la <u>prudenta</u> vegetarismo, sen fanatismo, kiu preferigas la nutraĵon, kiu devenas el la naturo sen murdado de bestoj." Lubomir Sobanski

Ŝalĉininkaj-234090, Mokykla-Internatas, Litovio, Sovetunio

–Kara samideano – kun trankvila konscienco vi povas certigi vian korespondantinon, ke homo bone, eĉ pli bone povas vidi sen animalaj albuminoj, – jen pruvo estas la "krud-manĝantoj", kaj niaj plej proksimaj "gefratoj" en la naturo, – la simioj.– Ŝi estas kuracistino, kaj eĉ fakulo pri higieno de la nutrado, – se ŝi volas havi pruvojn, jen, mi volonte staras je ŝia dispono, – ekzameni, ĉu mi estas pli malsana, ol "normale sin-nutrantaj" homoj, aŭ ĉu mi kapablis fari en la vivo malpli multe, ol tiuj, – la rezulto tutcerte parolos por vegetarana vivmaniero!

Al mi ankaŭ siatempe, – antaŭ pli ol 30 jaroj, antaŭdiris bone konata kuracisto mian "baldaŭan tragikan finon", – li ege avertis pro tio eĉ mian edzinon, ke almenaŭ tiu savu sin, kaj se eblas, min, ĉar laŭ li, – kiel li lernis dum la altlernejaj studoj – homo ne povas elteni pli ol 6 monatojn sen viando. . . Mi tiam, konvinke pri tio, ke mi estas sur la "gusta vojo", ĉesis por kelkaj jaroj manĝi animal-devenajn albumin-enhavajn manĝaĵojn, – estis ja milito, mi ne havis "malfacilaĵojn" por rezigni tiujn, kiuj estis krom tio malfacile akireblaj kaj multekoste, – la naturo donis al mi ĉion abunde, tiam mi spertis, kiome erara estis la asertado de fakuloj-kuracistoj pri tio, ke fungoj havas nenian nutro-valoron, – dume mi konvinkiĝis, ke la preskaŭ ĉiutaga manĝado de fungoj dum somero estis al mi ankaŭ bona kaj utila, eĉ satiga! Kompreneble mi manĝis ĉion, kion donis la naturo, kaj la rezulto estis tre bona, – mi ne fariĝis malsana, ne malforta, male, el tiuj tempoj devenas ankaŭ la "spertoj" de mia amiko Leibiczer, kiujn li mencias aliloke en tiu ĉi n-ro de nia bulteno pri mia vivmaniero. Mi de tempo al tempo, precipe ĉe jar-sezon-ŝanĝoj, aplikadis fastadon, kaj jen, – ne venis la "certa, baldaŭa tragika fino", kiun profetis mia kuracisto

sed male, mi fartis tre bone, mi fariĝis ia "pli facila", pli libera, pli kontenta, sed ankaŭ pli feliĉa, krome mi sentis, ke mi iras al ĝustan vojon! – Mi multe pli grandan atenton dediĉis al konscia spirado, ol al manĝado, ĉar jam tiam mi sciis, ke tiu estas pli grava, poste la bonega, saniga, montara, fonta akvo, – kiun mi ĉiam milfoje plie preferigas, ol lakton, kiu precipe nuntempe abundas je kemiaĵoj el la nutraĵo, kiun ricevadas la bovinoj. – Kaj pripensu pri lakto: ĉu vi estas suĉinfano, por kiu donis la naturo la lakton, – aŭ bovido? – Ja la bovinan lakton donis la naturo por bovido, – nur escepte, se mankis patrino ĉe la infano, ankaŭ por tiu ĉi, sed tutcerte ne por matura homo! – Kompreneble oni ne povas "de la unua tago al la dua" fariĝi tuj perfekta vegetarano, – necesas la "traira" tempo, – jaroj, spertoj, ekzamenado, observado de la propra organismo, ĉar ne ĉiu homo sammaniere povas komenci, praktikadi la senviandan vivmanieron!

Ho, jes, – ne ekzistas pli perfekta, pli bona "nutraĵo", ol la montara, arbara, pura aero, – nutru vin per ĝi multe, ĝis satiĝo! – Homo, vivanta en moderna socio, en urbo, polvo-, fumo- kaj gazo-plena, bezonas "fortan" nutraĵon, sed eĉ tiu ne helpas al li! – Ĉu estas "hazarde", ke "io" lin pelas en la naturon? – Ne! – Tamen li revenas ĉiam al siaj malbonaj kutimoj, al "ĝuado" de "bongusta manĝaĵo", al fumado, trinkado de alkoholaĵoj, al vivo plena de ekscitiĝoj, sen kiuj li ne povas jam vivi...

Jes, – kara samideano, – vi kun trankvila kaj "pura" konscienco povas al via amikino skribi tiujn ĉi faktojn. – Oni zorgu pri la sana aero, pri same sana akvo, poste pri la manĝado, kiu estu laŭ nia prudento, – natura. Kaj tia ne estas la besta karno. Kaj ankoraŭ io: iuj fakuloj ne volas kompreni, ke la homa organismo estas tre perfekta fabriko, kaj se oni zorgas pri la pura, sana aero, pri bona, fonta akvo, – ambaŭ abunde! – tiam la organismo kapablas ĉion por si akiri, transformi el pura, natura nutraĵo. – Via Erva.

Inter la esperantistoj en la Liceo de Esperanto en Madrido estas ankaŭ kelkaj vegetaranoj. Kutime, post vesperaj kunvenoj en la klubejo, tiuj ĉi vegetaranoj kune iradas en vegetaranan restoracion. Mi ankaŭ iris do kun ili (en j.1974), sed tiam la restoracio estis fermita pro libertempo aŭ ferioj.

Iun tagon mi renkontiĝis kun juna viro, kiu sciiĝinte, ke mi estas vegetarano, diris al mi, ke li ankaŭ estas. Mi menciis al li kelkajn vegetaranojn, kiujn mi konis en Madrido, kaj li esprimis sian deziron konatiĝi kun ili. Tiam mi informis lin, ke ni renkontiĝadas en la Esperanto-liceo ĉiuvespere, kaj li diris, ke dum sia tuta vivo li interesiĝis pri Esperanto, kaj volonte li tuj iris kun mi al la Liceo, fariĝis vere tuj membro kaj kursano, aĉetante ankaŭ kelkajn librojn, gazetojn. – Poste miaj geamikoj diris al mi, ke li ne povas esti vegetarano, ĉar ili klare vidis el lia poŝo elstarantan skatoleton de cigaredoj. . .

Sergio Docal, Usono

(Jes, kara amiko, kiel ni jam kelkfoje menciis: vegetarismo signifas samtempe abstinadon de alkoholo kaj fumado. Ni estas vegetaranoj, do ni nek fumas, nek trinkas alkoholaĵojn. – Sed tio ne signifas, ke membroj de asocioj kontraŭ fumado kaj drinkado estas vegetaranoj, – male, ili eĉ ne propagandas vegetarismon! – Pro tio nek ni en nia gazeto propagandas aparte kontraŭ-fumadon, resp.-drinkadon, ĉar tiuj estas natura sekvaĵo de vegetarismo. – Erva)

Du informojn mi volas al vi diri: sampoŝte mi sendas al nia Kasistino mondonacojn de ges-oj Estling, s-ro Harler kaj se mi, kun espero, ke baldaŭ mi sendos denove. – Kaj la alia informo: mi lernas flugadi aeroplane! – Bona afero kaj nemalfacila por vegetarano, ĉar piloto devas trapasi rigoran ekzamenadon, ne povas uzi drogojn, ne povas fumi, trinki alkoholaĵojn. Fumantoj povas suferi je hipo-oksigenio sub 12500 futoj, kaj la forko en la ĉielo estas vektora, anstataŭ skalara, kiel la forko sur la vojo de "Alkoholuloj Anonimaj", – oni ja devas direkti la aeroplanon kaj la nigran pilketon en la turna montrilo samtempe, por "gliti" nek teren, nek ĉielen dum la turniĝo. –

Ĉu ne estos bone, se mi fariĝos bona piloto-raportisto kaj organizanto de TEVA, propagandisto de EV en Usono kaj en la tuta mondo?

James Parkerson, Usono

(Jes, kara junamiko, – ni gratulas al vi anticipe, kaj ni deziras al vi multajn sukcesojn! – Kaj same anticipe ni al vi dankas, – sed . . . estu singardema, afable komprenu, ke mi ne ŝatus serĉi por Usono baldaŭ alian, novan Repr.-Peranton. . . Kaj multe da bonŝancoj! – evitu mian sorton: mi ja havas 12 operaciojn el simila praktikado de la flugado.

Via Erva)

ESPERANTISTA VEGETARANO

Bulteno (fondita en 1914) de la
TUTMONDA ESPERANTA VEGETARA ASOCIO
(fondita en 1908)
Unua prezidanto : L. N. Tolstoj

Nova serio : Numero 15 – Julio 1975

Redaktanto : Ernesto Váňa
CS 962 71 DUDINCE okres Zvolen, Slovakio, ĈSSR.

El la enhavo pağo

| | |
|---|---|
| Niaj reprezentantoj en 25 landoj | 2 |
| Vortoj de la redaktanto | 3 |
| Vortoj de la eldonanto | 4 |
| Kunveno de la vegetaranoj | 5 |
| Leo Nikolajeviĉ Tolstoj | 7 |
| Nia felietono : Rememoroj | 14 |
| Ĉu ni iras ĝustan vojon? | 16 |
| Alvoko al kunlaboro | 17 |
| Alvoko el Hindio | 18 |
| El nia kuirejo | 20 |
| El leteroj | 22 |

Eldonanto : Christopher Fettes
St Columba's College, Rathfarnham, Dublin 14, Irlando

---

Pri adres-ŝanĝoj, nericevo de la bulteno, prov-ekzemplero, ktp., bonvolu skribi al la eldonanto – do ne al la redaktanto!

---

ATENTU DONACANTOJ!

Nepre sendu viajn donacojn per internacia poŝtmandato NE per ĉeko

---

La kovrilon desegnis Jan Schaap (Nederlando)

Presis en Anglujo: FELLOWSHIP PRESS, Gloucester